XIIª jaro. Nº 177 (5) ⋆ Monata ⋆ 5 majo 1915

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

**Ordinara eldono** . . . . . . . . 5. — Frankoj (2. — Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . . 6. 25 Frankoj (2. 50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . **0.40 Fr.** (0.16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO





NUNTEMPAĴOJ

## LA KRITIKISTOJ PAROLAS...

Al la mondo ne sufiĉas la batalo inter la vivantoj.

La klerularo, kiu plenumas la facilan laboron, eksciti la pasiojn kaj intensigi la interpopolajn malamojn, kvazaŭ ili ne estus sufiĉe akraj, ankaŭ mobilizis la mortintojn. La lasta epoko de relativa paco — malheroa, nenobla, senideala, ĉu ne, sinjoroj literaturistoj? — kutimigis nin al la ideo, ke la grandaj geniuloj, kiuj alportis al la homaro — ne sole al sia gento! — novajn valorojn sciencajn, filozofiajn, literaturajn, staras super la landolimoj. Ni lasis al la bibliotekaj pedantuloj la taskon diskutadi, ĉu tiu aŭ alia jam de longe mortinta famulo apartenis al tiu aŭ alia gento, ĉu per siaj praavoj li ne pli alproksimiĝas al la popolo A. ol al la popolo B. Pri tiuj demandoj aperis sennombraj volumoj kaj artikoloj. Iliaj aŭtoroj interdisputadis, elfaris teorion kaj ricevis oficialajn honorigojn. Ĉio tio prezentis intereson nur por tiu malgranda rondo de kritikistoj, kiuj imagas, ke la estonteco de l' mondo estas ligata je iliaj produktajoj.

Malgraŭ ili ni daŭrigis admiri la verkojn de tiuj geniuloj, ne tro atentante, ĉu ili apartenas aŭ ne apartenas al popolo, kiun la postuloj de la politiko amikigis al la nia. Ni ja konsciis, ke tiuj spiritgigantoj estas la propraĵo de nenia gento, aŭ, pli ĝuste, ke ĉar ĉie ekzistis tiaj homoj, nenia lando povas eltiri specialan glorigon pri fenomeno, kiu ne estas limigata je ĝia teritorio. Tiel la nordaj kiel la sudaj, tiel la okcidentaj kiel la orientaj landoj, povas prezenti liston de geniaj homoj, kiuj, egalgrade, kvankam malsame, servis la mondan civilizecon kaj meritas nian dankadon. Oni povas preferi unu pli ol alian, sed tiu prefero devas dependi de la esenco de l' verko mem, ne de la nacieco de la verkinto, kiu estas elemento flanka kaj ofte tre necerta.

En normala tempo tio ŝajnas memkomprenebla, sed nun, oni preskaŭ bezonas kuraĝon por rememorigi pri elementaj veroj. La savo de via patrujo postulas, ke vi kredu la malon — tion almenaŭ penas instrui diverslandaj eminentuloj. Nun, okazas, ke nur la gento, al kiu vi apartenas, kaj, pro afableco, la gentoj politike alligataj, naskis geniulojn. La malamikaj landoj kontraŭe estis intelekte senfruktaj. Ĉar malgraŭ tiuj dekretoj, la verkoj de la famaj mortintoj ne povas esti detruataj, oni penas diversmaniere aliigi ilian signifon. Por tio ekzistas diversaj metodoj. Ekzemple, iu kritikisto elmontras, ke fakte la esencon de sia verko la famulo A. ŝuldas al la laboroj de la geniulo B. apartenanta al „nia" nacio, kaj estas nur pli-malpli lerta kompilisto aldoninta nur flankaĵojn al la verko de nia senmorta samlandano. Tiu demonstracio estas kutime temo de kelkaj artikoloj en serioza revuo, kun la necesa scienca saŭco. Leginte ilin, vi havas la klaran senton, ke la famulo A., B. aŭ C., kiun oni antaŭe prezentis kiel superhomo, estas fakte nur ordinara talentulo, kies verko neniel estas originala.

Alia metodo estas la alinaciigo de la ĝenanta glorulo. Klerulo eltrovas, ke kvankam li naskiĝis kaj vivis en la lando B., la aludata geniulo apartenas al la gento A., se ne mem, almenaŭ per iu el siaj praavoj. Tiu demonstracio ne prezentas tro da malfacilaĵoj, ĉar en la prapatraro de iu ajn homo, oni ĉiam trovas unu aŭ kelkajn fremdulojn. Tiu eltrovo kondukas al la konkludo, ke ĝuste al tiu fremda prapatro plej similis la studata geniulo, kiu do estas plia gloro de via lando. Sekve, oni povas senrestrikcie admiri lian verkon.

Ni ne trograndigas. Foliumu kelkajn gravajn revuojn, kaj preskaŭ ĉiam vi povos legi ian similan demonstracion. Certe, ekzistas feliĉaj esceptoj: intelektuloj rifuzis ekskomuniki aŭ maladmiri la plej noblajn reprezentantojn de la kulturo de momente malamika lando, sed la sola fakto, ke tiu sintenado estas konsiderata kiel kuraĝa escepto, karakterizas nian malfeliĉan epokon.

La rezultato de tiuj pseŭdosciencaj esploroj kondukas plej ofte al la ekskomuniko de certaj verkoj. La ĉiopotenca reĝo de nia socia vivo, la Modo, favoras la rapidan disvastiĝon de tiuj ekskomunikoj. Antaŭ la milito vi kun senfina ĝojo aŭdis la muzikon de tiu senmorta famulo, kvankam vi sciis, ke li apartenas al gento politike neamika; vi diris, ke en lia verko vi trovas ĉielajn ĝuojn, ke eĉ tutan filozofion ĝi al vi prezentis. Venis la milito. La glora muzikisto, kvankam mortinta de pluraj jardekoj, fariĝas respondа je la politikaj fatalaĵoj. Lia muziko estas nun enuiga, senmezure trolaŭdita, neoriginala; nia popolo havas amason de pli lertaj muzikistoj. Ni forigu la fremdulon! Kaj miloj, kiuj antaŭe laŭte kaj konvinke esprimis sian admiron, nun ne malpli laŭte kaj ne malpli konvinke esprimas sian malŝaton.

Ni rimarku, ke tiuj ekskomunikoj estas limigataj de la personaj necesaĵoj. Ĉiu homo, laŭ la premo de la modo, volonte nun malŝatas la tutan kulturon da la malamiko, sed la sama homo, se li malsaniĝas, ne plu atentas pri la gentaj diferencoj. Li ofereme akceptos esti kuracata laŭ metodo kaj per kuraciloj devenantaj el la malamika lando, se nur ili estas efikaj. En la unua okazo parolas la pasioj, en la dua sin trudas la racio. En ĉiuj tiuj disputoj pri nacia kulturo, pri naciaj elitoj, pri naciaj ecoj, parolas la sentoj kaj pasioj. En normala tempo objektiva juĝo pri tiuj demandoj estas jam tre malfacila; nun, ĝi estas preskaŭ neebla. Sed la kritikistoj, prefere ol tion konstati kaj sekve resti trankvilaj, obstinas prezenti kiel sciencaj konkludojn, kiuj post kelkaj jaroj ŝajnos sensencaj.

Nenio estas pli kontraŭa al la realeco ol la starigo de iu gento kiel sola reprezentanto de la homa inteligento. La fakto, ke nun ĉiuj popoloj esprimas la saman pretendon, jam montras la vanecon de tiu esploro. Nia scienco estas la verko ne de iu speciala popolo, sed de diverslandaj *individuoj*, kiuj pensis, serĉis kaj laboris, gvidate ne de la amo al patrujo, sed de la amo al la scienco kaj al la vero. Ilia patrujo rajtas nun tiom malpli fanfaroni pri ili, ke ofte la plej gloraj el iliaj infanoj renkontis hejmlande nur malhelpojn kaj sendankadon dum sia vivo. Ilian verkon oni ŝuldas, ne al ilia deveno, sed al la racio — universala. Same pri literaturo kaj arto. Ĉiuj popoloj povas prezenti ĉefverkojn en literaturo kaj arto, kaj nenio estas pli facile komprenebla, ĉar universalaj estas la sentoj kaj la pasioj, kiuj instigas al arta kreado.

* * *

Ekzistas ankoraŭ aliaj manieroj por partoprenigi la mortintajn eminentulojn en niaj nunaj bataloj. En ĉiu lando regas ordinare la plej diversaj tendencoj kaj idealoj. Anstataŭ tion lojale rimarkigi, kritikistoj penas prezenti la kontraŭan landon kiel tuton unuopinian. Sekve de tio ĉiuj ajn doktrinoj, kiuj iam naskiĝis en tiu lando, estas konsiderataj kiel akceptitaj de la tuta lando. Por veki aŭ pliigi la antipation al ĝi, oni ĝuste elektas la doktrinverkojn, pri kiuj oni scias, ke ili elvokos ĉe la granda plimulto de nia popolo indigniĝon kaj abomenon. La filozofo A. aŭ B., kiu pravigis la perforton kaj sanktigis la malamon, havis en sia propra lando multajn kontraŭulojn de sia doktrino. Nu, ĝuste tiun fakton oni preterlasas kaj kredigas, ke la tuta kontraŭa popolo alprenis la idealon de la filozofo A. aŭ B. Kun pli da honesteco oni facile povus konstati, ke similaj doktrinoj, kiuj cetere ne estas novaj, havis fervorajn partianojn ankaŭ en nia propra lando, kaj do tute ne estas specialaĵo de la malamika nacio. Certe, ne estas dubeble, ke iu libro povas havi atentindan signifon je la vivo de iu popolo, sed estas ekstreme malofte, ke ĝi renkontas unuaniman konsenton ĉe tiu popolo kaj unuaniman malaprobon ĉe alia. Se oni volas juste juĝi la kulturon de popolo laŭ ĝiaj plej altaj reprezentantoj, oni ne rajtas priatenti nur unu solan tendencon, sed devas prikonsideri la diversajn idealojn, kiuj floras ĉe tiu lando, kaj taksi ilian respektivan forton.

Aliparte, ofte okazas, ke la citoj el la studataj famuloj estas tiel elektitaj kaj aranĝitaj, ke ili malĝuste esprimas la sencon de ilia verko. Ĉiun aŭtoron oni facile povas perfidi per lerta kunmetado de citoj. Ne atentante la cirkonstancojn, en kiuj aperis tiuj verkoj, ne zorgante pri kontrolado de la citoj kun la originalo, la publiko donas al kelkaj linioj lerte eltiritaj ian absolutan karakteron, kiu malaperus, se ĝi legus ĉion, anstataŭ nur partojn. Laŭ tiuj kripligoj ĝi juĝas ne sole aŭtoron, sed — konforme al la aludita sistemo — la kulturon de la kontraŭa lando. Dank' al tio eterniĝas la gentaj malkompreniĝoj kaj antaŭjuĝoj, kiujn la intelektuloj plifirmigas.

Aliaj kleruloj penis starigi teoriojn pri la rilato inter la politika potenco de ŝtato kaj ĝia intelekta produktado. Iuj el ili asertis, ke la grandaj ŝtatoj estas speciale favoraj por pli intensa, pli larĝa, pli nobla pensado. Pli altan kulturon havus la grandaj ŝtatoj, pli altajn kaj pli vastajn pensojn ili ebligus. Malgrandaj landoj estus kvazaŭ parazitoj, suĉantaj sian intelektan vivon el la arbo de la grandaj landoj. Por kontroli tiun aserton, sufiĉas konstati, ke tiel en la modernaj kiel en la antikvaj tempoj, multaj pensuloj kaj geniuloj naskiĝis en malgrandaj ŝtatoj, ke ĉe grandaj ŝtatoj amaso da homoj havas tute burĝajn nenoblajn pensojn, same kiel en malgrandaj landoj. Komprenebla ekzistas la kontraŭa tezo, nome ke malgrandaj ŝtatoj estas pli favoraj al la homa kulturo ol la grandaj. Tiu aserto ne estas pli vera ol la antaŭa. En grandaj landoj ankaŭ naskiĝis kaj vivis multaj geniuloj kaj utilaj servintoj de la homara progreso. Ekzistas malgrandaj landoj kun disvastigita kulturo kaj aliaj malgrandaj landoj en tute malsamaj kondiĉoj. Ekzistas landoj kun kulturita loĝantaro, kiuj naskis malmulte da gravaj epokfarantaj pensuloj, kaj ekzistas landoj kun malklera loĝantaro, kiuj kontraŭe donacis al la homaro kelkajn el ĝiaj plej indaj gloroj. La malo ankaŭ estas vera.

Same trompemaj estas aliaj teorioj nur aludeblaj ĉi tie pri rilato inter kulturo kaj militista potenco. Geniuloj kaj alta kulturo ekzistis ĉe popoloj venkitaj sur la batalkampo, same kiel ĉe popoloj venkintaj. Militistaj katastrofoj ofte tute ne malhelpis la floradon de fruktodona civilizeco. Eĉ gentoj subpremataj, dividataj, politike ne ekzistantaj, havas intensan intelektan vivon. La militista forto de popolo dependas ne sole de si mem, sed de siaj malamikoj pli aŭ malpli multaj kaj de la fluoj de la politiko. Kial oni obstinus starigi rilaton inter aferoj nekompareblaj?

Komprenebla ĉiuj tiuj tezoj povas esti apogataj de kelkaj favoraj ekzemploj. Iliaj aŭtoroj citas nur ilin kaj lerte prezentas ĉiujn apogmotivojn, sed la kontraŭajn ekzemplojn, tiel multnombrajn, ili tute silentas. Ĉar ĉe tre multaj legantoj, eĉ instruitaj, la kritiksento malaperas tuj kiam ili legas ion subskribitan de konata nomo kaj favoran al iliaj deziroj, tiuj teorioj facile disvastiĝas kaj ĉiam trovas aron de admirantoj, kiuj konvinke ripetas ilin kaj tra tiuj tre malcertaj hipotezoj rigardas la mondokazantaĵojn.

Kontraŭ ĉiuj tiuj teorioj farataj laŭ la postuloj de la momento, ni armu nin per kiraso de skeptikeco. Nuntempe ili utilas al nenio, kaj morgaŭ ili malutilos al la starigo de pli bona ordo.

La famajn mortintojn ni lasu trankvilaj kaj ne miksu en niaj hodiaŭaj bataloj. Ili ĉesis aparteni al gentaj grupoj, sin reciproke kontraŭbatalantaj kaj ekskomunikantaj. Iliaj verkoj fariĝis la posedaĵo de la homara civilizeco; ili postvivos niajn efemerajn politikajn grupiĝojn. Lasu al ni almenaŭ ion, kiu ŝvebos super la nuna nokto.

*H. Hodler.*

 SOCIA VIVO 

## La Internacia Informejo pri militkaptitoj

I

Ĉiu jam aŭdis pli-malpli precize pri la Ĝeneva Internacia Informejo pri militkaptitoj, kiun starigis la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco komence de la milito. Sed multaj personoj en la militantaj landoj ne ankoraŭ klare konscias pri la amplekso kaj labormetodo de tiu institucio. Ni tial opiniis, ke interesus niajn legantojn kelkaj klarigoj pri la organizo kaj funkciado de tiu Informejo, al kiu direktiĝis tiom da pensoj kaj esperoj. Por tiu celo ni, formetante multajn teknikajn detalojn, uzos broŝuron, kiun aperigis la Informejo por informi siajn multnombrajn kunlaborantojn pri la funkciado kaj radaro de tiu komplika organismo.

*La direktado: La Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco.*

Fondita en Ĝenevo je 1863, la Internacia Komitato estas samtempe la gardanto de la fundamentaj principoj de la Ruĝa Kruco ĉe la internaciaj kunsidoj, kaj la centra organo, servanta kiel ligilo inter la Ruĝ-Krucaj naciaj societoj. Je 1912, ĝi estis komisiita de la internacia konferenco de tiuj societoj por servi kiel perilo inter la diversnaciaj komisionoj pri militkaptitoj. De la 21 aŭgusto 1914, ĝi, unue tute modeste, malfermis ĉe sia sidejo la Internacian Informejon por helpo kaj informoj al militkaptitoj.

Ĉion oni devis krei. La Komitato mem eklaboris; pro la grandega laboro, ĝi post kelkaj tagoj devis sin limigi je la direktado. Rapide la laboro apartiĝis laŭ du grandaj fakoj: informpetoj kaj respondoj. Flanke de tio restis la transsendo de korespondaĵoj inter la familioj kaj la kaptitoj. La Komitato rezervis al si la ĝeneralajn demandojn, la rilatojn, kun la Ruĝ-Krucaj societoj, la diplomataj aŭtoritatoj kaj la registaroj. Parto de ĝia tempo estas dediĉata al akceptotaj vizitantoj: ministroj, deputatoj, ĵurnalistoj, delegitoj, ktp.

Por eviti malbonuzojn, la Komitato starigis la principon, ke ĝi respondos nur al familioj, ne al peruloj, escepte se tiuj lastaj estas Ruĝ-Krucaj societoj.

*Ĝenerala organizo.*

Pro la kreskanta laboro la Informejo devis translokiĝi al pli grava ejo. Por ĝi la urbo Ĝenevo disponigis grandan publikan konstruaĵon, momente ne uzatan, nome Muzeo Rath, ĉe la centro de la urbo; ĝi ankaŭ senpage liveras elektran lumigon. La tuta konstruaĵo estas uzata; eĉ nun la maŝinskribistoj laboras en alia domo.

De la komenco la Informejo havis multnombrajn memvolajn kunlaborantojn. Tamen, kun la tempo, multaj personoj, ĉu laciĝis, ĉu devis plenumi alian okupon. Tial la Informejo devis dungi oficistojn (nun 68), kiuj certigas la kontinuecon kaj regulecon de la laboro, kune kun la fidelaj volontuloj de la komenca tempo. La materialo estas liverita senpage de la urbo aŭ de Ĝenevaj fabrikistoj je speciale malaltaj prezoj. Grandega estas la konsumado de la presaĵoj, ĉiam pli diversspecaj. Ĝis la 31 januaro, la nombro de la diversaj formuloj estis 90, je 1,554,500 ekzempleroj, krom 360,000 kovertoj kaj leterfolioj.

*Vizitoj kaj depeŝoj.*

La nombro de la vizitantoj ĉiutage kreskis. Komence ĝi estis 30—40 tage; post kelka tempo, la cifero altiĝis ĝis 200—250. Speciala servo devis esti aranĝita; ĝi estas en intimaj rilatoj kun la aliaj fakoj de la Informejo por ke ĝi povu rapide respondi la petojn de la publiko.

De la komenco la Informejo ricevis de la familioj telegrafajn informpetojn por interrilatado kun ambulancestroj pri vunditoj aŭ kun kaptitejestroj pri nevunditoj. Speciala fako estis aranĝita kun du sekcioj: franca (inkl. belga kaj brita) kaj germana, laŭ la nacieco de la kaptito. Tiu fako ekspedis, de la 6 oktobro 1914 ĝis la 31 januaro 1915, ĉ. 10,000 telegramojn reprezentantajn sumon de 29,795 fr. Al tio oni aldonu 5000 respondtelegramojn.

Principe la telegrama fako estas sendependa de la aliaj fakoj. Tamen, ĝi rilatas kun la Kaso pro la fakto, ke la mondepeŝoj ofte enhavas ankaŭ esplorpeton pri kaptito. Tiuokaze, la Kaso, farinte sian laboron kaj tion enskribinte sur la telegramo, transdonas ĝin al la telegrama fako, por ke ĉi tiu prizorgu ĝin. Poste ĝi iras al la slipa fako por ke sur la slipo de la kaptito oni notu ĉiujn necesajn informojn.

La telegramoj al estroj de ambulancoj kaj kaptitejoj ĉiam enhavas la nomon de la kaptito, lian regimentan numeron kaj, se eble, lian precizan loĝkvartalon, por eviti prokrastojn aŭ konfuzojn rezultantajn el samnomeco. Ofte okazas, ke du samnomaj kaj samantaŭnomaj kaptitoj apartenas al sama regimento kaj estas ĉe la sama loko. Efektive, iuj nomoj estas ekstreme disvastigataj: ekzistas 500, 1000 kaj eĉ 2000 viroj de sama nomo; multaj havas saman antaŭnomon. Por ilin diferencigi tre utilas la adreso de la familio; pro tio oni ĝin insiste petas de la peruloj.

*Korespondado.*

La poŝto dufoje en la tago liveras la leterojn (25,000 tage en novembro; de tiam ĝi malgrandiĝis ĝis 3—6000 tage). Laŭ la poŝtmarkoj kaj adresoj oni dispartigas la leterojn jene: 1e Leteroj oficialaj (por la Komitato). 2e Leteroj francaj. 3e Leteroj germanaj. 4e Leteroj britaj. 5e Leteroj el Belgujo kaj okupataj regionoj. 6e Leteroj pri la orienta militkampo. Unu aŭ du kunlaborantoj prizorgas la belgan leteraron; same pri la brita kaj orienta.

*La ekzamenado de la leteroj* estas unuforma. Ili klasiĝas jene laŭ la temo: *a)* Militistoj. *b)* Civiluloj. *c)* Sanitaristoj. *d)* Kaso. *e)* Kaptitoj. *f)* Diversaj.

La „militistaj" leteroj rilatas la informpeton pri malaperintaj militistoj. La „leterekzamenistoj" konfirmas la ricevon de ĉiuj leteroj per presita formulo, poste sendas ilin al la slipa fako. Pri ĉiu informpeto estas farata slipo (karteto), enhavanta ĉiujn necesajn informojn pri nomo, antaŭnomo, regimenta numero, loko kaj dato de malapero (se eble), adreso de la familio. Ĉiuj slipoj ricevas vican numeron notatan ankaŭ en la originalaj leteroj, poste klasigitaj en maniero taŭga por rapidaj esploroj.

La leteroj rilataj al civiluloj aŭ sanitaristoj estas transdonataj al la koncernaj fakoj.

La leteroj anoncantaj monsendon, ĉu por transsendo, ĉu por donaco, estas donataj al la Kaso, kiu, post prizorgo ilin komunikas al la fako, kiun ili koncernas.

Ĉiuj leteroj al aŭ de kaptitoj estas transdonataj al speciala fako, kiu okupas multajn personojn. Tiu fako devas zorge legi ĉiun skribaĵon al kaptitoj, por certiĝi, ĉu la cenzuro ĝin enlasos; ĝi poste kontrolas, ĉu ĝi respondas al la korespondkondiĉoj, malsamaj laŭ la kaptitejoj. Ĉe iuj, nur poŝtkartoj estas permesataj; ĉe aliaj, leteroj povas enhavi nur limigitan nombron de linioj aŭ paĝoj. Laŭ la lokoj, oni povas korespondi nur unu fojon semajne, dusemajne aŭ monate. La koncerna fako enketas pri ĉiuj tiuj demandoj, notas siajn observojn kaj eventuale informas la sendintojn, kiuj ne konformiĝis al la necesaj reguloj.

La leteroj „diversaj" estas komunikataj al la samnoma fako, kiu okupas 20 personojn. Estas plej ofte oficialaj sendaĵoj, petoj pri helpo, esploroj, interŝanĝo de vunditoj, komplikaĵoj kaj specialaĵoj transdonotaj al la kompetentaj

aŭtoritatoj. La fako de la diversaj leteroj ne zorgas pri la respondado al iliaj demandoj; ĝi nur dispartigas ilin laŭ la diversaj fakoj, al kiuj rilatas tiuj leteroj.

*La ĝenerala administrado* sin okupas je la prizorgo de la specialaj leteroj. Ĝi respondas mem aŭ transdonas al la Komitato la oficialajn leterojn, ekzamenas la informpetojn, kiuj alvenas en la formo de tute pretaj slipoj (iafoje pli ol 1000 tage), kontrolas la plendojn pri neliveritaj pakaĵoj, priatentas la eviton de ĉiuj malbonuzoj. Por tiu lasta celo ĝi havas „nigran libron", kie ĝi notas la nomon de spekulaciemaj personoj, al kiuj la informpetoj estu resendataj kun la postulo, ke ili aldonu la nomon kaj adreson de la familioj. Fine, ĝi okupiĝas je kvar utilaj servoj, nome: *a)* la gravevunditoj; *b)* la helpoj al malriĉuloj; *c)* la relikvoj; *d)* la plendoj pri la kaptitejoj.

*a)* Gravevunditoj: La interŝanĝo de invalidoj aŭ nekuraceblaj vunditoj kaŭzas multajn demandojn, speciale klasigatajn.

*b)* Helpoj al malriĉuloj: Helpservo estas aranĝita por la multaj malriĉaj kaptitoj, kies familioj, loĝantaj en Belgujo aŭ en okupitaj regionoj, ne povas rilati kun ili. La dogandirekcio konsentis transdoni al tiu servo la nealsendeblajn pakaĵojn (forĵetaĵojn). La pakaĵoj estas malfermataj kaj ilia enhavo klasigata en ŝrankoj laŭ la speco: ŝtrumpoj, trikotoj, tabako, ktp. Oni el tio refaras pakaĵojn, kiujn oni ekspedas laŭ la bezonoj. Kelkaj bonvoluloj helpas per liverado de mankantaj objektoj. De la 21 decembro ĝis la 31 januaro, 851 kaptitoj povis esti helpataj.

*c)* Relikvajoj: Ofte, hospitaloj aŭ privatuloj sendas objektojn trovitajn ĉe mortintoj. Tiuj relikvaĵoj, kun ĉiuj legitimacioj, estas sendataj al la militministerioj en Parizo aŭ Berlino por transdono al la familioj.

*d)* Plendoj pri kaptitejoj: Multaj estas la plendoj pri la livero de la korespondaĵoj en la kaptitejoj. Ili okazigas specialan enketon aŭ estas kune klasigataj. De tempo al tempo, oni kolektas ilin, laŭ ĉiu kaptitejo; tiu dokumentaro utilas al la Komitato por fari oficialajn klopodojn, kiam necese.

*(Daŭrigota.)* Prilaboris *H. H.*

---

## Vizitoj al militkaptitejoj

*Raportoj de la Delegitoj de la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco pri iliaj vizitoj al militkaptitejoj en Francujo, Germanujo kaj Britujo.*

I

En diverslandaj gazetoj ofte aperas neĝustaj informoj pri la traktado de la militkaptitoj en la militantaj landoj. Tial, ni opinias utile, publikigi en ilia plena teksto la senpartiajn raportojn, kiujn verkis la delegitoj de la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco pri siaj vizitoj al la kaptitejoj francaj, germanaj kaj britaj. La senditoj estas konataj svisaj personoj, kiuj tute senpartie raportas tion, kion ili *vidis*.

En tiu ĉi N-ro ni publikigas la ĝeneralan raporton de S-ro Leŭtenanto-Kolonelo D-ro C. de Marval pri lia vizito al la kaptitejoj de okcidenta Francujo. Li ankaŭ poste vizitis la kaptitejojn de Centra Francujo, de insulo Korsiko kaj de Nord-Afriko. Pro manko de loko ni ne povas publikigi ĉiujn raportojn kaj detalajn esplorojn pri ĉiu kaptitejo aparte. Ni do nur aperigas la unuan ĝeneralan raporton, al kiu cetere tute similas la aliaj raportoj — tion ni povas certigi.

En la proksima N-ro aperos la raporto de S-ro deputato Eugster pri vizitoj al germanaj kaptitejoj.

Mi antaŭ ĉio devas diri, ke la franca registaro multe plifaciligis mian taskon, permesante al mi viziti ĉiujn kaptitejojn kaj ordonante al la komandantoj faciligi la inspektojn „per *ĉiuj* rimedoj permesataj de la administraj necesaĵoj kaj militistaj reguloj". Mi estis ne sole ĉie akceptita afable, sed oni disponigis al mi la necesajn helpoficirojn kaj aŭtomobilojn. Mi povis iri kien kaj kiel mi volis sen limigo. Mi povis libere kaj intime paroli kun kiuj ajn kaptitoj, kaj mi vaste uzis tiun permeson.

Kiel civilulojn mi vidis nur tiujn renkontitajn en la militkaptitejoj. Estis precipe mobilizeblaj germanoj kaj aŭstrohungaroj, kolektitaj ĉe sia alveno el transoceano, kaj ŝipistoj kaptitaj ĉe pramoj sur francaj kanaloj. Tiuj civiluloj estas kutime traktataj kiel militistoj, sed ili ne ricevas pagon.

La franca regularo pri la militkaptitoj (1908) estas preskaŭ unuforme aplikata. Tamen mi nenie vidis, ke la laŭparolaj kaptitoj ĝuas la privilegiojn fiksitajn de la internaciaj konvencioj. Tion kaŭzas, ĉu la aranĝo de la lokoj, ĉu la malamikeco de la enloĝantaro, sed mi poste citos la organizon de kaptitejo, kie ili ĝuas relativan liberecon. De la 3 januaro, la francoj ne plu allasas tiun kategorion (laŭparole kaptataj oficiroj), ĉar tiu sistemo ne estas aplikata en Germanujo.

Ŝajnis al mi, ke *ĉie* la oficiroj komisiitaj por kontroli la organizon kaj mastrumon de la kaptitejoj penis plibonigi la materiajn kaj moralajn kondiĉojn, en kiuj devas vivi la kaptitoj. Okazis gravaj plibonigoj rilate al la loĝado. Kaptitejoj, kiujn oni konstatis malbonaj, estis forigitaj (Vitré, Lorient, Belle-Ile) aŭ parte malplenigitaj por lasi pli da loko al la restantaj kaptitoj (Fougères, Tours, Quiberon, ktp.). Krom tio, mi devas konstati, ke la plendoj de mi aŭditaj neniam koncernis freŝajn faktojn.

Oni ankaŭ penis havigi laboron, organizi laborejojn (tipo de Montfort, kie estas laborejoj por barelistoj, hufforĝistoj, ŝuistoj, ladistoj) kaj malfermi konstruejojn. Por tiu celo oni dividis la kaptitojn laŭ rotoj de 25 ĝis 300 viroj, kiuj estis enkvartaligitaj ĉe vilaĝoj, proksime de la laboro. Mi ofte havis la okazon vidi tiajn koloniojn okupatajn je la rebonigo de la vojoj, riparo de la digoj, ekspluatado de ŝtonminejoj aŭ eĉ je agrikulturaj laboroj.

La regionaj milit-administracioj aparte zorgas havigi al la kaptitoj konvenajn kvartalojn (farmdomoj facile gardeblaj), nutradon, kiu ŝajnis al mi tre sufiĉa, lokajn malsanetulejojn, bonan akvon — kio iafoje estas malfacila — kaj decajn necesejojn.

Kiam la laboro estas tiel organizita, la kaptitoj kutime ricevas salajreton: 2 ĝis 4 centimoj hore, t. e. je la fino de la semajno 1. 20 ĝis 2. 40 fr. En aliaj okazoj la salajro ne estas senpere pagata, sed ĝi iras al la kaptit-kaso por plibonigo de la nutrado; iafoje oni donas 1/4 litron da vino al tiuj, kiuj tion meritis.

Ĝis antaŭ malmultaj semajnoj, la registaro donis al ĉiu kaptito — kiel al ĉiu franca soldato — tabakon kaj „poŝmonon". Pro reciprokeco, tio estis forigita, kaj de januaro la nutrado estis iom malpliigita.

Ĉie, kie ekzistas danĝero de epidemioj, la kaptitoj akurate ricevis antitifajn injektojn; je ĉiuj grandaj kaptitejoj estas alligataj francaj militkuracistoj, kiuj, krom kelkaj esceptoj (Dinan), konscience plenumas siajn devojn. Kelkaj malsanulejoj (Belle-Ile, Dinan) estas ne sufiĉe komfortaj, tro malvastaj aŭ ne posedas la necesajn kuracilojn; mi atentigis pri tiuj mankoj, kaj mi *scias*, ke oni tuj plibonigis tion. Ŝajnis al mi ne allaseble, ke gravevunditoj estu kuracataj en simplaj malsanulejetoj. La inspektkuracistoj, al kiuj mi montris tiun fakton, diris, ke ili ĝin ne scias; ili promesis transportigi la malsanulojn aŭ vunditojn al la regionaj hospitaloj. De tiam ĉio necesa estis farita.

Mi raportos nur tion, kion mi *vidis* kaj mem konstatis, ĉar estis al mi neeble kaj kontroli *ĉion*, kion mi deziris. Mi ne priatentos retrospektivajn plendojn ofte formulitajn de la kaptitoj, al kiuj mi ĉiam libere parolis germane. Efektive, ĉiuj, tiel la oficiroj, kiuj plendis, ke ilin insultis la enloĝantaro aŭ ke ili estis ĉenligataj dum sia transporto,

kiel la soldatoj, kiuj citis malbonan traktadon, volonte konstatis, ke ĉio tio estis forpasinta kaj ke tiuj faktoj (iafoje kaŭzataj de ilia propra konduto) de longe ne plu renoviĝis.

La rilatoj inter la gardantaj oficiroj kaj suboficiroj kaj la kaptitoj ĉiam ŝajnis al mi bonaj, bonegaj, iafoje eĉ simpatiaj. En kelkaj lokoj la kaptitoj, pri kiuj oni estas certa, ĝuas ian liberecon. Ricevinte specialajn kartojn, ili preskaŭ libere iras en certa regiono, servas kiel poŝtdejorantoj, sen direkta kontrolo, iras al sia laboro sen akompano (Belle-Ile, Le Palais). Ĝenerale, la kaptitejestroj interesiĝas pri la kaptitoj, volonte havigas al ili plidolĉigojn, ĉu pri nutrado, ĉu pri vestado. La sendaĵoj de la germana Ruĝa Kruco estis taŭge disdonitaj: la vagonoj kaj pakaĵoj estas kontrolataj antaŭ francaj oficiroj, reprezentantoj de la franca Ruĝa Kruco kaj instruitaj oficiroj kaj soldatoj germanaj, kiuj subskribas la paperojn por disdono. Ĉie la malriĉuloj unue profitas tiujn kolektivajn sendaĵojn.

Mi povis ofte konstati (Belle-Ile, Issoudun), kiel la ĵus alvenintaj kaptitoj estas fizike malsuperaj kompare kun la kamaradoj de longe kaptitaj. La unuaj estas kavaj, malgrasaj, palaj . . . ; la duaj, kontraŭe, havas tute kontentigan bonsanan aspekton. Pufvangaj, brunigitaj, fortaj, ofte vivĝojaj, tiuj kaptitoj tute ne instigis al kompato. Pluraj, kiujn mi demandis, ĉu ili havas ian plendon, longe serĉis kaj ne trovis alian respondon, ol: „Das Ungeziefer" (la insektaĉaro)!

Proporcie, la oficiroj estas pli severe traktataj ol la suboficiroj kaj soldatoj. Ĝenerale ilia loĝejo estas malvasta, malbone aerumata, malbone lumigata. Ili estas en kastelturoj (Fougères, Brest), en monaĥejaj ĉeloj (Cholet) duope aŭ triope, en subteraj kajutoj aŭ kazematoj (Châteauneuf), kie mankas plej elementa komforto. Tamen ili povas plibonigi sian materian situacion aĉetante bezonaĵojn, ekz. seĝoj, tabloj, kovrotukoj, vestoj, fornoj, lavvazoj, ludkartoj, muzikiloj. Mi vidis dufoje pianojn, ofte violonĉelojn, gitarojn kaj mandolinojn. Iafoje ili devas tute pagi la hejtadon (Cholet), plej ofte ili pagas aldonon por hejtado, dank' al kio iliaj ĉambroj ricevas tre agrablan temperaturon. Kelkaj plendoj pri manko de promenloko ŝajnas al mi pravaj (Brest, Belle-Ile, Châteauneuf, k. a.), sed la kaptitejestroj klarigis al mi, ke pro la inciteco de la enloĝantaro ili malfacile povis akompanigi la oficirojn trans la ĉirkaŭmuroj. Mi kredas, ke ankaŭ tio pliboniĝos. Mi vidis kompletan raporton pri la destino de pluraj hoteloj kun 214 litoj, en insulo, por la laŭparole kaptataj oficiroj. Multaj el ili baldaŭ transportiĝos tien.

Nuntempe, la prezo de la nutraĵoj vendataj al la oficiroj kaj soldatoj estas relative normala. Mi notis litron de lakto (bonega) je 0. 30 fr., funton de butero je 2. — fr.; la prezo de la vestaĵoj estas iomete plialtigita. Se la freŝaj ovoj vendiĝas 0. 20 fr. po peco, kaj se en Cholet la litro de petrolo kostas 0. 60 fr., tio eble devenas el la malofteco de tiuj vendaĵoj en la lando.

La oficiroj aĉetas laŭplaĉe vinon kaj mineralakvon. La pensionprezo por tri manĝoj varias inter 75. — fr. kaj 125. — fr. monate. Ofte mi vidis kaj gustumis la nutraĵon, tre puran kaj tute bonan.

En multaj lokoj, tiel por la oficiroj kiel por la soldatoj, instaliĝis kantinoj, kie estas aĉeteblaj cigaroj, cigaredoj, tabako, pano, ĉokolado, konfitaĵoj, frandaĵoj, ktp. La oficiroj (kies pagon de 75. — fr. kovras la pensionkosto) ricevas posemajne 25. — fr. (superaj oficiroj 50. — fr.), kiel partopagon por la sumoj al ili alsenditaj. Nenie, en la 17 vizititaj kaptitejoj, mi aŭdis seriozajn plendojn; kontraŭe, preskaŭ ĉie, la germanaj oficiroj, sub-oficiroj kaj soldatoj estis kontentaj je la traktado; tiuj deklaroj estis tute spontanaj.

Kiel la oficiroj, la soldatoj estas ofte malvaste loĝigataj. La kuŝado ne estas senmanka: la kuŝpajlaĵo estas maldensa ĉe multaj kaptitejoj, malseketa, ofte plena de pedikoj. Oni ĝin nun ĉie anstataŭas per matracoj el sorbigata tolaĵo, kaj sur la grundo oni lokigas kradajn plankojn. La viroj kuŝantaj sub tendo (Coëtquidam, Belle-Ile, Ile Longue, Tours, ktp.) estas inklinaj al bronkitoj kaj reŭmatismoj; al tiuj kuŝantaj en kazematoj aŭ malnovaj monaĥejoj, iafoje mankas nokte la necesa aerkvanto. Dank' al la labordivido laŭ kolonioj kaj foriro de multaj kaptitoj al Nord-Afriko, la restantaj havas pli multe da spaco. La suboficiroj, preskaŭ ĉiam en apartaj ĉambroj, estas taŭge loĝigataj. La promenkortoj estas vastaj; ofte ili estas grandaj ĝardenoj. La necesejoj estas instalitaj ekstere, en sufiĉa nombro, laŭ sistemo de sterkobareloj.

Kiam la kvalito de la akvo ne estas bona, oni ĝin filtras kaj boligas, kaj donas en tute sufiĉa kvanto. Iafoje oni ankaŭ donas sukeritan teon, kiu estas tre ŝatata. Ĉe kelkaj kaptitejoj mankas lavakvo. En Belle-Ile-en-Mer la akvo estas malofta; rotoj de 50 viroj portadas la akvon de malproksimaj putoj.

Ĝenerale, ĉiu viro havas kovrotukon, malgrandan kaj ofte eluzitan; mankas tamen ĉe kelkaj lokoj, kaj la Ruĝ-Krucaj societoj bone agos, sendante novajn provizojn, ĉar la antaŭaj estis tre favore akceptitaj. La vestoj estas ankoraŭ sufiĉaj; la militministerio farigas nun bluzojn el griza lano, disdonotajn al la bezonantaj kaptitoj. Oni jam donis al la bezonantoj laborpantalonojn; ĉe multaj kaptitejoj, ĉiu alvenanto ricevas unu aŭ du varmajn ĉemizojn. La sendataj subvestaĵoj estos ĉiam utilaj. La soldatoj havas lignoŝuojn, laŭ la regiona modo; pro la malsekeco de Bretonujo, tiuj ŝuoj estas bonegaj; ilin liveras la provizuma fako.

Pri la sano nenio dirinda. Nenia epidemio. Nur kelkaj kazoj de skarlatino, difterio, disenterio aŭ paratifo, estis izoligitaj en lazaretoj.

La kaptitoj ofte ludas. Sub la tendoj mi vidis ludilojn el Germanujo: ŝakoj, damoj, kartoj, domenoj, ktp.

La religiaj servoj estas ĝenerale organizataj por katolikoj; por protestantoj estas pli malfacile fari germanan diservon. Regionaj asocioj ankaŭ prizorgas religian helpadon al kaptitoj.

La pakaĵoj (ŝajne tre malbone faritaj de la sendintoj komence de la kaptiteco) ofte alvenis malfermitaj, difektitaj, neplenaj; de pluraj semajnoj, la sendaĵoj estas liverataj sendifekte kaj regule. Nenia plendo pri tio, nek pri la tre multaj monsendaĵoj. Ekzemple, la 2800 kaptitoj en Belle-Ile-en-Mer, de la 9 decembro 1914 ĝis la 11 januaro 1915, ricevis pli ol 800 individuajn pakaĵojn, 52 kestojn de la germana Ruĝa Kruco kaj pli ol 70,000 frankojn de la komenco de la kaptiteco.

Mi plurfoje ĉeestis disdonadon de pakaĵoj (Coëtquidan, Issoudun, ktp.) kaj povis konstati ĝis kia grado la enhavo de la el hejmo ricevitaj pakaĵoj povas plibonigi la vivon de la kaptitoj. Nepriskribebla estas la kvanto de kolbasoj, lardo, supoj Knorr, fromaĝoj, pomoj, nuksoj, cigaroj, kiu eliras el ili.

Se mi ne citis kelkajn bedaŭrindajn faktojn, pri kiuj oni parolis al mi, tio estas ĉar ili ŝajnas izolaj, kaj oni devas sin gardi kontraŭ ĝeneraligo. Cetere, tiuj faktoj estas pasintaj kaj malmultaj.

Mi povas certigi, ke en la 17 vizititaj lokoj, la traktado de la homoj estas tute humana, la nutrado bone preparita, ofte tre unuforma, sed sufiĉa. Kiam mi aldonas, ke demandinte pri plendoj, kvar el kvin homoj respondis unuanime: „Gar keine" (nenian), oni sendube komprenos, ke la sorto de la kaptitoj en tiu parto de Francujo (Bretonujo, Vendeo, Tureno) ja ne havas komforton, kiun oni ne kutimas doni al militkaptitoj, sed ke la vivo da tiuj viroj estas tute tolerebla, eĉ relative agrabla.

*D-ro C. de Marval.*

*(Daŭrigota.)*

Trad.: *E. B.*

 LITERATURO 

FELIETONO

# Vunditaj soldatoj

## Notoj de flegistino

La ĉi-suban rakonton ni eltiras el jus aperinta libro de la svisa verkistino *Noëlle Roger*, titolita *„Notoj de flegistino“*. Ĝi konsistas el aŭtentikaj rakontoj, parte travivitaj de la aŭtorino, parte kolektitaj el notoj de flegistinoj.

Tiu soldato kun sia kompatinta kapo de dudekjarulo, sia kuraĝo, siaj teruraj vundoj, tiel kortuŝis la flegistinon, kiu lin prizorgis ĉe la stacidoma ambulanco, ke ŝi volis revidi lin.

Hieraŭ mi renkontis ŝin, sur la vojo, kiu laŭiras la lagon; ŝi estis venanta al nia hospitalo.

— En kia ĉambro, demandis ŝi, estas tiu L., kiu alvenis hieraŭ vespere?

— Mi tuj alkondukos vin.

— Multajn soldatojn mi tamen vidis, ŝi klarigis, dum ni supreniris la ŝtuparon. Tre ofte mi estis premita de admiro kaj kompato... Sed tiu ĉi restas aparte... Mi ne scias kial... Mi devis lin revidi...

Kaj ŝi mallaŭte aldonis:

— Ĉu vi scias, kion diris via ĥirurgo? Ĉu vi kredas, ke oni savos lin?

Mi ŝanceliĝis respondi. Ĉar la malfeliĉulo hieraŭ vespere havis malbonan prognozon.

Fine, mi diris:

— La kruro kaj brako dekstraj estas tre malsanaj... Liaj fortoj ŝajnas konsumitaj... Ĉu li povus elporti duoblan amputon? Oni depeŝinformis lian patrinon hodiaŭ matene.

Kaj mi aldonis:

— Tamen, vi scias, multaj resaniĝis je tiel gravaj vundoj!

Ni silente marŝadis, rigardante la bluan akvon, kie respegulis la monto. Ni eniris. Mi antaŭeniris al la lito.

Pala kuntirita vizaĝo, grandaj doloraj okuloj, belaj okuloj nuksokoloraj, kiuj *antaŭe* devis esti strange brilaj kaj ĝojaj. Ringego sublevis la kovrotukon super la vundita kruro. Kaj lia sana mano konstante moviĝis sur la brusto.

— Kiel vi fartas, mia? diris la amika voĉo de la junulino. Ĉu vi rekonas min? Mi hieraŭ donis al vi por trinki, kiam oni vin elportis el la vagono. Vi estis tiel aminda, ke mi volis saluti vin hodiaŭ.

Li rigardis ŝin, provis rideti, ripetis:

— Tiel aminda...

Kaj li aldonis:

— Hodiaŭ... mi ne estas aminda...

Tiam, turnante sin al mi kiel al atestanto, li diris per senkulpiga voĉo:

— Ĉu ne, sinjorino... Kiam oni tro suferas, oni ne povas esti aminda?

Ni staris senparole.

Li estis ferminta la okulojn, kvazaŭ por enfermiĝi en sia abomena sufero. Ni tie staris, ĉiuflanke de la lito, malĝojegaj pro nia nekapablo lin helpi. Ni povis nenion fari. Neniu en la mondo povis ion fari por li. Ni pasigis niajn manojn tra liaj haroj. Ni viŝis la ŝviton ĉe liaj tempioj. Lia doloro lin jam apartigis el ĉio, lin forportis malproksimen, en tian izolecon, kiun neniu povis trapenetri. Kaj tie daŭrigis la senhalta batalo, kiu absorbis liajn fortojn kaj pensojn.

Iafoje li malfermis la okulojn kaj rigardis nin. Lia rigardo ŝajnis diri:

— Mi estas bone... Vi estas tie... Mi ja scias, ke vi faras ĉion, kion vi povas... Sed mi estas tiel malproksime... tiel malproksime... Vi ne plu povas min atingi... Sola mi devas batali, kaj povas min helpi neniu.

La juna flegistino respondis al tiu muta parolo:

— Nun estas la plej malbona momento, mia. Morgaŭ, vi jam estos pli bone... Pli malfrue, mi revenos vidi vin. Mi ne forgesos vin.

Li denove havis por ŝi palan kaj rezignacian rideton. Li rigardis ŝin. Kaj ni ambaŭ divenis la signifon de tiu rigardo.

— Vi revenos... Bona vi estas... Sed vi ne revidos min...

— Ĝis baldaŭ, mia, ŝi diris, karesante lian manon.

Li refermis la okulojn.

Ŝi foriris, malĝojega.

* * *

Hodiaŭ matene, laŭ kuracista ordono, lia flegistino lin milde informis, ke oni estos devigata tranĉi lian brakon. Ŝi jam sciis, ke post malmultaj tagoj, se li elportus, oni ankaŭ devos amputi lian kruron.

Li ne protestis. Sed li ekploris. Lia sufero lasis al li iom da ripozo, li jam religiĝis al sia vivo. Li sin fordonis al forta ĉagreno, kiu esprimiĝis en infana maniero. La tutan tagon, li forĵetis la kovrotukon por rigardi la kondamnitan manon.

Li ripetadis:

— Mia kompatinda mano... Mi ne plu vidos vin... Mia kara mano...

Per sia manplato li dolĉe karesis ĝin. Li karesis ĉiujn fingrojn, unu post la alia.

Lia flegistino ne plu forlasis lin.

Pacience ŝi altiris la kovrotukon, provante rezonadi tiun malesperon. Sed li restis surda je ĉiuj konsoloj!

En la momento kiam oni ekfajrigis la lampojn, la portistoj venis kaj kunprenis lin. La nokto alvenas. Mi sidas tie antaŭ mia tablo, mi ne havas la forton min senvestigi. Mi frostotremas. La okazintaĵo de hodiaŭ vespere min trudokupas, min tremigas.

Oni alportis lin al la operacia ĉambro. Mi ankoraŭ revidas lian maldikan palan vizaĝon. Kaj kiam li estis sternata sur la stablo, mi revidas la amrigardon, kiun li direktis al sia mano. Tiu dolora rigardo min tiel suferigis, ke mi sentis min pli bone, kiam oni almetis la maskon al lia vizaĝo. Mi pensis:

„Li senkonsciiĝas... Li ne plu scias... Li ne plu suferas...“

La humero jus estis forsegita kiam subite mi vidis, ke la ĥirurgo kaj lia helpanto rapide kliniĝas super la korpo kaj forĵetas la maskon. La blanka vizaĝeto senmova ne plu spiris.

Tuj, ambaŭ kuracistoj provis la artefaritan spiradon, la tiradojn de la lango. Vortetoj duonvoĉe interŝanĝiĝis, ĉiuj rapidis ĉirkaŭ la maldika korpo kun preskaŭ infana staturo.

Sed ĉio estis senutila. La operacia skuo estis mortiginta la soldaton. La minutoj pasadis tre longaj. Mi vidis, ke la kuracistoj restariĝas kun gesto de senpotenco. Muta doloro kuntiris la noblan vizaĝon de la ĉefĥirurgo.

Subite, tra la netolerebla silento, voĉo laŭtiĝis. Mi rerigardis kaj ekvidis la abaton genuflekse, en lia flegista bluzo; li eldiris la preĝon de la agoniantoj.

„Eliru el tiu mondo, kristana animo, en la nomo de Dio tutpotenca Patro, kiu kreis vin.“

Ŝajnis al mi, ke mi travivas teruran sonĝon, kaj mi ĉirkaŭrigardis kun konsternego: sur la tablo, tiu nuda korpo, sangomakulita, tiu tranĉita brako, ne ankoraŭ forportita, kuŝanta ĉe iu angulo, sango sur la planko, sur niaj kiteloj, kaj tiu genufleksanta pastro kun blanka bluzo ŝprucmakulita ruĝe.

„En la nomo de Jesuo, Filo de Dio vivanta ... En la nomo de la Spirito Sankta, kiu komunikiĝis al vi ... En la nomo de la Anĝeloj kaj Arĥanĝeloj ... kaj ĉiuj Sanktuloj kaj Sanktulinoj de Dio. Vi estu hodiaŭ en la paco ...

Mi dorsapogis min kontraŭ la muro. La kruroj rifuzis porti min. Mi elvokis tiun vivon de dudek jaroj ... ĝoja knabo, kiu brave foriris kun floroj ĉe la uniformo ... Lia patrino lin rigardsekvadis, lia patrino, kiu alvenos morgaŭ ..., kiu eble havas nur tiun filon.

La morto de tiu soldato, kiun mi amis, ĉar li estis tiel juna kaj tiel sufera, elvokis la morton de ĉiuj aliaj ... Tiu juna korpo kripligita, en tiu sango, fariĝis la tragedia simbolo de la abomeno, kiun ni ĉeestas. Ŝajnis, ke mi ne plu povas elporti tian kvanton de homa mizero. Kuntiriĝis miaj lipoj, tremis miaj manoj, mi sentis, ke min tute superŝutas angoro.

Tiam, en tiu sangoplena ĉambro, tra la agitiĝo de mia animo, la voĉo de l' pastro alportis kvietigon, kiu sin trudis iom post iom, kaj silentigis niajn pensojn; tiu voĉo, kiu rilatigis la teruran mizeron de la nuna horo kun la superteraj grandaĵoj. Kvazaŭ neesprimebla sento nin ekpenetris. La dia elvoko alportis en tiun ĉambron la kompaton de la tuta ĉielo. Malrapide, en tiu paco miksiĝis la stranga feliĉo.

La pastro elparolis:

„Jesuo montru al vi vizaĝon plenan de mildeco kaj ĝojo; Li metu vin inter tiuj, kiuj Lin ĉiam sekvados ...“

Desegniĝis la lumaj perspektivoj de la mistera vivo de la Nevideblo. La konfuza espero, kiu restas eĉ ĉe la koroj de la nekredantoj, fariĝis belega certeco. Unu post la alia falis la solenaj paroloj. La preĝo finiĝis per triumfa krio. Kaj ŝajnis al mi, ke ĝuste antaŭ ni aperas la eterna feliĉego: „Sanktaj amikoj de Dio, kuru al lia helpado. Anĝeloj de la Sinjoro, venu al tiu animo por ĝin akcepti kaj prezenti al Jesuo-Kristo.“

Sed, hodiaŭ nokte, silentis la elvokantaj paroloj. Sola mi estas kaj revenas la korpremo.

Mi sufokiĝas. Mi malfermas la fenestron, kaj per tuta mia forto enspiras la puran aŭtunan nokton. La pala lago respeguligis la monton. La silento de tiu hela nokto penetris tra la ĉambro. Mi provis prezenti al mi la belan animon de la dudekjara heroo, flugantan tra la stelaro al la Nevideblo.

Tiam mi rememoris la parolojn, kiujn eldiris iam la abato sur la monteto superstaranta la urbon. Mi pensis, ke nenia guto de tiu disverŝita sango, nenia el niaj larmoj estas indiferenta ... Nenia el niaj larmoj falas en solecon ...

Vi ĉiuj, plorantaj patrinoj, ĉu vi ne ĉirkaŭsentas tiun senfinan kompaton ... Al vi ĝi leviĝas el ĉiuj urboj, kaj el ĉiuj kamparoj, el ĉiuj koroj, kiuj kun doloro kaj dankado pensas al la patrinoj, kiuj donacis sian filon ...

*Noëlle Roger.*

Trad.: *E. B.*

# ☆ NOTOJ ☆

∴ **La influo de la varmo.** — Estas disvastigata opinio, ke elirante el varma loko al malvarma, oni riskas gravan malvarmumiĝon. Kiel la *Illustration* raportas, la konata franca kuracisto, D-ro Jean Charcot kontestas tiun kredon kaj donas al la soldatoj la sekvantajn konsilojn, kiujn li bazas sur spertoj akiritaj dum kelkaj polusaj ekspedicioj.

Anstataŭ pligrandigi la sentemon je la malvarmo, la transiro de varma al malvarma temperaturo helpas ĝin pli bone elteni, ofte eĉ ebligas ignori ĝin dum sufiĉe longa tempo. La sangalfluoj al la kapo montriĝas nur ĉe nesanaj personoj. „Ofte okazis“, diras la fama esploristo, „ke ni devis eliri el niaj loĝejoj, superhejtitaj je temperaturo pli alta ol 20 gradoj (Cels.), por kontroli instrumentojn starigitajn ekstere je malvarmo de 20, eĉ de 38 gradoj, kaj kiel vestaĵojn ni surhavis nur ĉemizon kaj subpantalonon. Pli ol duonan horon ni restis elmetitaj al la aero, ne sentante la malvarmon. Kontraŭe ni frosttremis se pro iu ajn kaŭzo ni devis fari la saman operacion kaj eliris el loĝejoj ne sufiĉe hejtitaj. Cetere ĉiu ja scias, ke la Rusoj, dum sia terura vintro, superhejtas la domojn.

„Eĉ mi iras pli malproksimen kaj asertas, ke la bonfaranta efiko de la ŝparita varmo sin sentigas dum tre longa tempo. Ne estas unu polusa esploristo, precipe en la antarkta regiono, kie eĉ la somero estas malvarma, kiu ne estus rimarkinta, ke la homoj suferas malpli pro malvarmo la unuajn jarojn ol la sekvantajn kaj ne alkutimiĝas pli bone je ĝi post longa restado. Mi tute ne miras, se tiuj soldatoj el varmaj klimatoj, kiuj kontraŭstaris al la malsekeco kaj al la mikrobaj atakoj, trovos rimarkindan facilecon elteni la eŭropan vintron. Dum la reveno el Rusujo, barono Larrey faris saman sperton kun la militistoj el sudeŭropaj landoj.

„Ŝajnas do allasebla la konkludo, ke la soldatoj ne timu la kuntenadon de varmo en loĝejoj, kies temperaturo estas libervole pliatigata je nenormala alteco, kaj ke ili bone agos profitante ĉiun okazon sin varmigi.“

Jen la diro de konata kuracisto, diro ankaŭ subtenata de la fakto, ke la Italoj, partoprenintaj en la polusa esplorvojaĝo de la duko de Abruzzoj, ne pli suferis pro malvarmo ol la nordeŭropanoj. Nur oni permesu al la tradukinto la rimarkon, ke el tiu teorio de „ŝparita varmo“ sekvus, ke por la proksima alpolusa ekspedicio la negroj aŭ senegaloj estus la plej taŭgaj akompanantoj. — Ĉar por la klarigo de la problemo pri influo de la varmo, la kono de multaj faktoj kaj opinioj estas dezirinda, ni volonte akceptos pliajn informojn. — *St.*

∴ **Mondunuiĝo de la virinoj.** — Trideko de virinoj kunvenintaj en Ĝenevo kaj apartenantaj al malsamaj nacioj fondis antaŭ nelonge „Mondunuiĝon de la Virinoj“, kiu traktas la problemon de l' paco en alia maniero ol ĝis nun. La virinoj, kiuj suferas de la milito alie, sed tiom kiom la viroj, sentas sin ankoraŭ pli senpotencaj ol ili rilate al la malfeliĉego. La Mondunuiĝo instigas ilin dediĉi iliajn fortojn al la granda idealo de la paco, uzante speciale virinan armilon, nome la persona influo.

Rezignante la utopion peti tujan kian ajn pacon kaj bazante sur la nekontestebla fakto, ke daŭra paco entute dependas de la sentoj de la individuoj, el kiuj konsistas nacio, pli ol de skribaj konvencioj, ĝi postulas de siaj membroj sintenadon de bonvolo kaj amo al la proksimulo, kia ajn li estas. Tiu morala sintenado estas esprimata per du tre simplaj reguloj: 1e celi la diskonigon de faktoj kapablaj pliigi inter la homoj kaj inter la individuoj reciprokan estimon kaj sinkomprenadon por helpi al la kreo de vasta fluo de interhoma simpatio; 2e sin deteni kiel eble plej je la disvastigo de novajoj kapablaj naski inter la individuoj kiel inter la popoloj sentojn de malkontenteco, malbonvolo aŭ malamo.

Ĉar la sukceso de la penadoj de la Mondunuiĝo dependas de ĝia rapida disvastiĝo ĉe la ĉiunaciaj virinaj rondoj, la tria devigo estas la obstina varbado de novaj membroj kaj la pago de enirkotizaĵo por kovri la propagandelspezojn; tiun kotizaĵon ĉiu fiksas laŭ sia situacio kaj siaj rimedoj.

Tiu nova movado jam akiris kuraĝigajn simpatiojn: la nacia Ligo de la svisaj virinaj societoj akceptis propagandi por ĝi; la kunlaborado de aliaj grandaj virinaj asocioj estas certa; tial oni esperas, ke miloj de svisaj virinoj aliĝos al ĝi. Ĉiujn informojn oni povas ricevi ĉe la Prezidantino de la nacia Ligo de la virinaj societoj, F-ino Kl. Honegger, Tödistr. 45, Zürich II, aŭ ĉe la Centra Internacia Oficejo, 6, rue du Rhône, Genève.




# Bileto de blankbarbulo

## Polemiko

*La reguloj de sana polemiko — tiuj de l' homo, kiu celas antaŭ ĉio la triumfon de la ideoj, kiujn li opinias justaj kaj utilaj.*

*1e Kaj unue havi ideojn kaj programon, al kiu ĉiuokaze oni restos fidela.*

*2e Kredi, ke justeco en si mem havas sian forton, sendepende de pli malpli proksima sukceso.*

*3e Konsideri kiel vere aŭ almenaŭ verŝajne, ke la kontraŭulo estas sincera kaj, kiel ni mem, celas nur la triumfon de l' ideo.*

*4e Zorge eviti ĉiun atakon personan kaj ofendan.*

*5e Neniam uzi antaŭatakon.*

*6e Paroli klare, forigante la dubesencajn aludojn, kies traduko diversa povus venenigi la diskuton.*

*7e Malpermesi al si kiajn ajn minacojn.*

*8e Erarinte, lojale konfesi siajn erarojn.*

* * *

*La reguloj de malsana polemiko — tiuj de l' homo, kiu, timante antaŭ ĉio ŝajni trompitulo, celas ĉefe la personan sukceson.*

*1e Ne sin embarasi per programo, kiu povus esti ĝeno en estonta argumentado.*

*2e Kredi, ke, ĉar sukceso ĉion pravigas, ridinda kaj honta estas ĉia malvenko.*

*3e Supozi, je tuja komenco, ke la kontraŭulo estas perfida kaj serĉas personan profiton.*

*4e Igi suspekta la kontraŭulon, atakante lin en lia persono kaj en tiu de liaj amikoj.*

*5e Ne atendante la atakon, ataki unue.*

*6e Por sin ne kompromiti, uzi ofte dubesencajn aludojn, kiujn poste oni laŭcirkonstance klarigos.*

*7e Timigi la kontraŭulon per minacoj plenumeblaj aŭ eĉ neplenumeblaj.*

*8e Neniam konfesi publike, ke oni eraris.*

* * *

*Polemikoj estas necesaj, ĉar, kie malpermesataj ili estas, regas ne plu libereco kaj vivo, sed nur silento de la morto, — sed laŭ tio, se oni obeas unu aŭ alian regularon, ili kondukas la homojn, kiel la popolojn, ĉu al fina akordiĝo kaj paco, ĉu al senfina, pereiga militado.*

*Ni ĉiuj penu do por diskuti ĝentile, ne ĉiam suspektante la intencojn kaj kondutmotivojn de niaj kontraŭuloj!*

Th. Cart.

*P. S. — S-ro Fréchas, redaktoro de „Le Monde Espérantiste" skribis al ni, ke li ne aprobas la opinion de Blankbarbulo pri la tasko de la naciaj societoj dum la milito („Esperanto", marto). Li insistas pri tio, ke laŭ siaj regularoj, la naciaj societoj ne devas sin okupi pri* politikaj *kaj* religiaj *demandoj. Li aldonas, ke „la civitanoj de la militantaj landoj havas mil aliajn rimedojn por defendi sian patrujon: eĉ anonime ili povas uzi Esperanton. Sed la naciaj societoj de propagando kreitaj kun celo tute difinita kaj invitotaj iam repreni inter si la interrilatojn interrompitajn pro la Eŭropaj malkonsentoj, devas konservi plej absolutan neŭtralecon rilate al ili."*

---

# KRONIKO

**Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikajojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20ª. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.**

## Britujo.

*Bath:* La oka Brita Esperanto-Kongreso okazos en Bath la 22—25 majo. Por ĉiuj informoj sin turni al la sekretarioj: 15, Southgate Str., Bath. Samtempe okazos la Sepa Belga Esp. Kongreso. — *Bristol:* Nova grupo fondiĝis sub prezido de S-ro Dirac. Kurso okazas ĉe la Lernejo por Plenaĝuloj. — *Cambridge:* Fondiĝis grupo ĉe la Cambridg'a Universitato. — *Edinburgh:* Ĉe lasta kunveno de la Teozofia Societo S-ro W. M. Page faris paroladon, kiu ricevis simpatian akcepton. — *Hamilton:* La Konsilantaro de la Skota Federacio decidis, ke la ĉiujara kongreso de 1915 estu ekskursa. Ĝi okazos en Hamilton sabaton 19 junio. — *London:* Ĉe la kunveno de la Londonaj Bahaistoj, D-ro Pollen parolis pri la influo de Esperanto je la mondpaco kaj S-ro P. J. Cameron pri la utileco de nia lingvo por Bahaistoj. Sukcesa vesperfesto okazis ĉe la Londona Klubo. En Catford S-ro P. Blaise paroladis pri la temo: „Esperanto aŭ angla lingvo?" En Tufnell F-ino J. Wynter gvidas sukcesajn kursojn. — *Shrewsbury:* Kurso por knabinoj kaj alia kurso por plenaĝuloj estis aranĝitaj. — *Warrington:* La kvaronjara konferenco de la Lancashire kaj Cheshire Federacio okazos tie la 1 majo.

## Bulgarujo.

*Pleven:* S-ro S. P. Simov gvidas kurson al 15 lernantoj ĉe la loka agrikultura lernejo, kun permeso de la profesoroj.

## Danujo.

*Aarhus:* Nova kurso komenciĝis.

## Francujo.

*Arles:* S-ro Sarnette faris paroladojn al la lernantoj de la normala supera unuagrada lernejo. — *Auxerre:* La grupo kunvenas duonmonate. Du kursoj okazas. — *Avignon:* S-ro Rémy, prof. ĉe la Kolegio St-Joseph faris al siaj lernantoj paroladon, kiu varbigis plurajn personojn. — *Beaujeu:* S-ro Meras faras superan komercan kurson; inter la lernantoj estas tri instruistinoj. — *Beauvais:* S-ro Demarcy aperigis en la lokaj gazetoj kelkajn artikolojn pri la servoj de Esp. dum la milito. — *Cholet:* La kursoj regule okazas. La grupo kunvenas monate. — *Le Mans:* La prezidanto de la grupo povis per Esp. ricevi informojn pri francaj kaptitoj en Germanujo; al la Dresdena grupo li povis liveri informojn pri 75 germanaj vunditaj kaptitoj en Le Mans. — *Lyon:* S-ro Ranfaing-Zabilon d'Hér faras kurson ĉe la supera knaba lernejo. — *Nice:* La Katolika Esp. Grupo daŭrigas sian agadon per ĉiudimanĉa kurso, je ĉiu ĉeestas fidela membraro. — *Paris:* S-ro Th. Cart faras superan kurson ĉe la Sorbonne. S-ino Ferter-Cense kaj S-ro Primé ankaŭ gvidas kursojn. — *Saint-Denis:* Du kursoj regule funkcias.

## Germanujo.

*Leipzig:* Malgraŭ la milito la kunvenoj de la Societo Leibnitz estas vigle vizitataj. Komence de majo malfermiĝos nova kurso por komencantoj. Ĉe la proksima kunveno de la loka ligo, S-ro deputato D-ro Steche faros paroladon.

## Hispanujo.

*Barakaldo:* Tie kuniĝis la Esperantistoj de la 4 grupoj de la Viskaja Provinco kaj starigis Baskan Esp. Federacion, kies S-ro Hita estas prezidanto. — *Bilbao:* En la Skoltejo, post propaganda parolado de S-ro Allende, S-ro Larrea komencis kurson kun 40 lernantoj.

## Italujo.

*Bologna:* F-ino Stamura Linardi komencis kurson por sinjorinoj kaj fraŭlinoj. — *Genova:* Post trafa parolado titolita Esperanto kaj la milito, lerte prezentita de D-ro Stromboli en la Popola Universitato, antaŭ plenigita salono, estis anoncita kurso en la Universitato. La unuan lecionon ĉeestis pli ol 300 personoj, kiuj mirigitaj je nia lingvo, je la fino de la leciono vigle aplaŭdis D-ron Stromboli. — *Milano:* La ĉiulandaj konversaciaj kunvenoj ĉiam okazas en Via Aurelio Saffi 24. — *Treviso:* S-ro P-ro De Gobbis faris publikan paroladon ĉe la Teknika Instituto Riccati.

## Nederlando.

*Hago:* La Esp. propaganda Komitato aranĝis intiman Esp. vesperfeston. S-ro D. J. Brœkhuizen faris propagandan paroladon. — *Harderwijk:* Ĉe tiu loko, kie estas internigitaj multnombraj belgoj, S-roj G. Zwænepœl, Bonabo, Demay, faris sukcesan kurson al trideko de lernantoj. Nova kurso estis komencita la 15 aprilo. Niaj samideanoj skribas: „Ni ne laciĝas en nia laboro, ĉar ni bone komprenas la devon de ĉiu vera Esperantisto. En tiu malfeliĉa tempo ni pli bone sentas la neceson disvastigi interfratigan ilon; kaj ĉu nia lingvo ne estas la plej taŭga rimedo por interfratiĝado? . . . Ni esperas, ke nia agado indas la atenton de la Esperantistaro, kaj se eble kelkaj inter ili povus sendi al ni ilojn por pligrandigi kaj plifaciligi nian laboron, ili nepre preterlasu helpi nin." — *Honswijk:* En tiu fortikaĵo apud Schalkwijk S-ro Mogendorff, el Grœnlo, malfermis kurson kun 13 lernantoj. — *Zeist:* En tiu internigejo S-ro F. de Backer, sekretario de la grupo „Suda Lumo" el Antverpeno, gvidas du kursojn, unu en franca, unu en flandra lingvo; la unuan vizitas 10 lernantoj, la duan 40 lernantoj, kiuj fariĝas fervoraj Esperantistoj.

## Rusujo.

*Kostroma:* La jara kunveno de la Esp. Societo okazis. La nombro de la membroj duobliĝis kompare kun la lasta jaro. En la lokoj gazetoj ofte aperas artikoloj pri Esp. — *Ŝĉelkovo:* Ĉe loka komerca lernejo fondiĝis grupeto de lernantoj kaj instruistoj por lernado de nia lingvo. — *Serpuĥov:* La Esp. Societo disdonas folietojn pri la agado de Esperantistoj dum la milito. — *Tomsk:* Laŭ la deziro de l' studentinoj de la Superaj Siberiaj Virinaj Kursoj, kurso komenciĝis sub la gvidado de S-ro Orlov; enskribiĝis 20 studentinoj. — *Varsovio:* Malgraŭ la proksimeco de la batalkampo, la Esp. vivo ne ĉesas. Ĉe la Komiza Hebrea Societo S-ro J. Jarecki gvidas tri kursojn.

## Serbujo.

*Ĉuprija:* S-ro Berger, Del., aranĝis paroladon kaj kurson.

## Svisujo.

*Lausanne:* La grupo regule kunvenas ĉiumonate ĉe S-ro Andreassian, Del. F-ino A. Schenk faris kurson ĉe la Virina Unio.

## Argentino.

*Buenos-Aires:* La grupo Casal Catala komencis novajn kursojn kun 17 lernantoj. Tri kursoj estas instruataj ĉiusemajne de S-roj A. Villafranca kaj D. Enrich. Novan kurson komencis la Asocio Ligo Racionalista, gvidatan de S-ro A. Vazquez. Aliaj kursoj estas anoncataj.

## Usono.

*Berkeley* (Calif.): Okazis sukcesplena festeno kaj vesperfesto. — *Detroit* (Mich.): Fondiĝis en tiu urbo „Esperanto Film Co." (Esperanto Filmo-Kompanio). Tiamaniere multaj personoj estos atentigataj je la vorto Esperanto. — *Escondido* (Cal.): S-ro W. W. Carpenter, Del., faris paroladon kaj aranĝis tre ŝatitan Esp. ekspozicion ĉe loka societo. Alian paroladon li faros antaŭ la lernantoj de la alternejo. — *Gloucester* (Mass.): F-ino J. M. Leach gvidas kurson. — *New York:* La kurso ĉe Bahaistoj, kiun gvidas S-ro Silbernik, Del., kun helpo de F-ino Stœppler, tre bone sukcesas. — *Oakland:* Okazis kunveno el reprezentantoj de la dek urboj proksimaj de San Francisco por preparado de la kongreso de E. A. N. A., kiu okazos en aŭgusto ĉe la ekspozicio en San Francisco. — *Perth Amboy* (N. J.): Sukcesa vesperkunveno okazis; teatraĵo estis ludita. — *Portland* (Me.): Tri kursoj, ĉiusemajne, instruataj de S-ino Tappis, S-ino Kendall kaj S-ro Harris tre bone progresadas.

# TRA LA GAZETARO

∴ La franca Societo por la propagando de Esp. aperigis bultenon („*Bulletin Officiel de la S. f. p. E.*", 33, rue Lacépède, Paris).

∴ Komitato de amikoj de Esperanto (Centra Oficejo Esperantista, 51, rue de Clichy) aperigas bultenon sub la titolo: „*France-Esperanto. Bulletin d'Information Espérantiste.*" (Redakcio ĉe la Centra Oficejo Esperantista); ĝi anoncas la aperon de Esp. dokumentoj pri franca vidpunkto.

∴ „*Svisa Espero*" reaperis.

∴ En Petrograd aperas „*Bulteno por Studentoj Esperantistaj*" (adreso: Teĥnologiĉeskij Institut, Krujok Esperanto).

∴ La Wien'a Esp. junularo aperigis Esp. bultenon sub la titolo „*Esperantista Junularo*" (adreso: G. Berneck, Praterstr. 15, Wien).

∴ La ilustrita gazeto „*A Bahia*" (Bahia, Brazilujo) regule havas rubrikon pri Esperanto.

∴ La gazeto „*La Suisse Libérale*" (Neuchâtel) enhavis bonan artikolon pri Esp. kaj milito. Tiu artikolo estis tradukita anglen kaj represita sur aparta folio.

∴ La gazeto „*Soldatencourant*", organo de la nederlanda armeo kaj ŝiparo, regule publikigas Esp. kurson de S-ro H. Blok, el Helder.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Subtenado de UEA dum la milito.

La C. O. de UEA alsendis al la Delegitoj de la regionoj havintaj kelkajn membrojn dum 1914 la jenan cirkuleron, kiun ni opinias utile represi, ĉar ĝi ankaŭ rekte interesas la membrojn de nia Asocio, kiuj ne ankoraŭ repagis la kotizaĵon por 1915 kaj ne estus nun malhelpataj tion fari.

„Vi scias, ke malgraŭ la milito la Centra Oficejo de UEA restas malfermata, okupas sin kiel kutime pri la interesoj de la asocio kaj faras gravajn servojn, peradante milojn da leteroj inter la loĝantoj de la malpaciĝintaj landoj.

„Ni atentigas vin, ke por la tuta Esperantista movado estas necese, ke UEA estu forte subtenata de siaj membroj. La nuna terura krizo elpruvas la vivkapablon de la privataj entreprenoj same kiel tiun de la ŝtatoj; kio ne taŭgas aŭ ne sukcesis forte enradikiĝi en la tero estas forblovigata. La Esperantistoj povas elteni se, flankelasante privatajn preferojn, ili ĉiuj kolektiĝas ĉirkaŭ sia internacia agadcentro. Grava eraro estus la kredo, ke pli poste oni povus simple restarigi aferojn nezorgitajn nuntempe. Ni perdus ne revenontan okazon konatigi nian ekziston al multnombra, neesperantista publiko; el niaj manoj elglitus la fadenoj de tiu retaro de internaciaj rilatoj, kiuj ebligis la praktikan uzadon de nia lingvo, kaj forirus la agadpovo kaj la memkonfido necesaj por efike labori dum la postmilita periodo.

„Ĉar tiuj faktoj ŝajne ne estas sufiĉe konsiderataj de la Esperantista publiko, ni tre petas atentigi pri ili.

„Kompare kun la sep mil membroj de la lasta jaro, la nuna cifero de la kotizaĵoj estas ne sufiĉa. Eble la membroj ne pripensis la gravecon de la situacio, eble ili esperas, ke la kondukantoj de UEA ĉiam trovos iun rimedon vivigi la asocion. Pri tio sufiĉas rimarki, ke UEA havas utilon nur kiel societo kun multaj membroj, per kaj por ili ĝi ekzistas. *Bonvolu do tre serioze klopodi ĉe ĉiuj Esperantistoj,* ne malhelpataj de la milito, *ke ili baldaŭ repagu sian kotizaĵon,* ĉu al vi, ĉu sendu ĝin al la Centra Oficejo. Ĝi sumas, kiel kutime, 2.50 fr. por membro, kaj 5.— fr. por Subtenanto sen devigo por estontaj jaroj. Malgraŭ la neapero de la jarlibro, UEA meritas tiun modestan subtenon. Per la uzado de internacia lingvo kaj dank' al sia elprovita organizo, nia asocio estos ankaŭ pli taŭga kunlabori al la postmilita plibonigo de la interpopolaj rilatoj ol diversaj aliaj societoj, nuntempe fonditaj por tiu celo.

Por nia informiĝo aŭ por publikigo en nia oficiala ĵurnalo ni ankaŭ danke ricevos ĉiujn novaĵojn pri la stato de Esperanto en via regiono.

„Por ke la rezultato de multjara laboro ne estu endanĝerigata de la nuna katastrofo, necese estas, ke la gvidantoj de nia movado kuniĝu kaj kuntenu ĉiujn ĝis nun varbitajn elementojn!“

## Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj**

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo | 23,375 |
| 120. E. G. Phillips, London | 125 |
| Frankoj | 23,500 |

Entute (ĝis la 15 aprilo) 120 Garantiantoj mendintaj 188 atestojn, valoro 23,500 frankoj.

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.].

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *„Esperanto“*.

Restas vendeblaj ankoraŭ 12 atestoj.

**Kotizaĵoj por 1915.** — Je la 31 marto estis enkasigitaj 1377 kotizaĵoj (el kiuj 70 subtenantoj kaj 142 dumvivaj membroj). — *Esperantiaj Entreprenoj:* 56.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato marto:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 3,992 | 5,485 |

*Tuta sumo:* 9,477. (Antaŭa monato: 13,230.)

## Novaj Delegitoj.

*Alvarado* (Usono, Cal.). — D.: Albert Norris.
*Campbell* (Usono, Cal.). — D.: Russell Metzler.
*Galena* (Usono, Kansas.). — D.: H. Scovell, 910, Main street.
*Osgood* (Usono, Ind.). — D.: Walter La Fary.

## Ŝanĝoj.

*Bern* (Svisujo). — D.: Jules Perlet, Eisenbahndept. (privata adreso, Gutenbergstr. 31).
*Birmingham* (Anglujo). — VD.: F. W. Hipsley, 102, Edwards Rd. Erdington.
*Montevideo* (Urugvajo). — D.: Manuelo Fernandez, Calle Agraciada 2704.
*New York* (Usono). — VD.: C. C. Coigne, 243, Bedford Park Bd. Bronx, New York City.
*San Francisco* (Usono, Cal.). — D.: G. H. Peterson, 26, Pine Pl. — VD.: L. H. Gorham, 1374, Golden Gate Ave. — SD.: F-ino M. D. Van Sloun, 946, Central Ave.

## Rimarko.

Pro la mobilizo de la Delegito de *Dresden,* S-ro Karsch, oni sin turnu al: S-ro W. Unruh, Kurfürstenstrasse 9, II.

## Eksiĝoj.

*Mainz* (D.: Gewert).

# Nia movado dum la milito

En la komenco de la milito oni povis timi, ke tia katastrofo tre grave endanĝerigos la vivon de nia movado. Efektive, en la unuaj semajnoj, nia afero ŝajnis preskaŭ tute endormiĝinta. Tio tamen estis nur ŝajno. Post kelkaj semajnoj reaperis la ĉefaj naciaj Esp. gazetoj kaj aŭdiĝis vivsignoj. Oni iom post iom adaptiĝis al la milito kaj komencis reesperi. Nuntempe oni povas konstati, legante la Kronikon de *„Esperanto“*, ke ne sole en la neŭtralaj, sed ankaŭ en la militantaj landoj, la Esperantista vivo ne ĉesis. Ke ĝi estas malpli vigla ol en normala tempo, neniu miros, sed estas tamen ĝojiga fortsigno, ke en multaj urboj grupoj daŭrigas kunveni, paroladoj kaj kursoj okazas, Esperantaĵoj presiĝas . . .

Se la propagando kolektiva estas pli malfacila, la propagando individua, precipe per praktikaj faktoj, ne malakceliĝis. Kontraŭe la milito povis klare montri al la publiko la utilecon de Esperanto kaj de ĝiaj organizaĵoj. La C. O. de UEA per siaj servoj atentigis milojn de personoj pri Esperanto. Ni scias, ke ankaŭ Delegitoj en neŭtralaj landoj povis plenumi multajn servojn, ĉu por niaj membroj, ĉu por la neesperantista publiko. Precipe en la nunaj cirkonstancoj unu praktika servo efike plenumita estas pli varbiga ol multaj paroloj en ordinara tempo.

Kelkaj naciaj gazetoj Esperantistaj estas regule sendataj al la Esperantistaj militistoj (en Francujo kaj en Germanujo). El tio rezultas ankaŭ propagando. Ni scias, ke ĉe iaj tranŝeoj, dum trankvilaj momentoj, oni okupiĝas pri nia lingvo. Fervoraj propagandistoj ne perdas la okazon konigi Esperanton eĉ en tiaj danĝeraj lokoj. En kelkaj kaptitejoj Esperantaj kursoj okazas kun sukceso. Ni ripetas, ke oni bonvolu konigi al ni la nomojn kaj adresojn de ĉiuj Esperantistaj militkaptitoj. UEA plezure sendos al ili Esperantajn legaĵojn kaj propagandilojn, eĉ lernolibrojn, se ili povas ricevi la permeson aranĝi kursojn.

Malgraŭ la milito oni daŭrigu kiel eble plej korespondi *en Esperanto.* Tio estas ĝuste bona rimedo por atentigi la cenzuron — kie ĝi ekzistas — pri nia afero. Se la cenzuro rifuzas Esperantajn leterojn pro la sola kaŭzo, ke ili estas redaktitaj en Esperanto, la enlandaj Esperantistoj ne timu plendi al la koncerna administracio, proponante al ĝi elekti ankaŭ cenzuriston por Esperanto — kiel ekzistas en kelkaj urboj.

Ĉu Esperanto servis ĉe la batalo mem, ekzemple inter batalantoj, aŭ inter vunditoj kaj kuracistoj, ni ne scias. Verŝajne ekzistas tiaj faktoj. Ĉar ili havas nedubeblan propagandan valoron, ni petas, ke oni bonvolu informi detale la C. O. de UEA pri *ĉiuj aŭtentikaj faktoj* pruvantaj la nunan utilecon de Esperanto por militistoj. Ke dum milito Esperanto *povus* esti utila, ni pri tio ne dubas, sed ni deziras koni ekzemplojn pri ĝia *nuna utileco.*

Fine, ĉar ĝi ankaŭ havis propagandan konsekvencon, ni devas citi la fakton, ke iuj militantaj regnoj uzis Esperanton por konigi sian vidpunkton en la fremdaj, speciale en la neŭtralaj landoj. En Germanujo aperis Esperanta eldono de la diplomatia dokumentaro konata sub la nomo Blanka Libro *(La vero pri la milito);* plie regule aperas ilustrita *Internacia Bulteno* kaj la traduko de la komunikajoj de la germana ĉefstabo. En Francujo fondiĝis sub la patronado de eminentuloj Komitato de Amikoj de Esperanto (sidejo ĉe la Centra Oficejo Esperantista, en Paris), kiu ankaŭ publikigos Esperantajn dokumentojn pri la franca vidpunkto. La apero de tiuj diversaj eldonaĵoj estis notita en multnombraj gazetoj ĉiulandaj.[1] Tiamaniere rondoj ĝis nun indiferentaj estis atentigitaj pri la praktika signifo de nia lingvo.

Ĉiuj tiuj faktoj montras, ke Esperanto venke eltenas. Ekzistas do neniu kaŭzo por malespero. Kontraŭe!

[1] Ni rememorigas, ke pro sia neŭtraleco UEA *ne* okupiĝas pri dissendo aŭ perado de tiaj dokumentoj.

# Alvokoj

## Al tutmonda studentaro

En Moskvo nun estas organizata Studenta Domo. La organizantoj deziras ricevi helpon per Esperanto kaj por tio sin turnis al Moskva Studenta Grupo „Esperanto". Kaj nun ni petas la kolegojn informi nin pri ĉiuj ekzistantaj Studentaj Domoj, priskribinte historion de ilia organizo, ilian administradon, buĝeton kaj ĝeneralan staton kaj rilaton al esperantistaj societoj. Estas tre grave sendi fotografaĵojn (se eble 13 × 18).

Samajn informojn ni dezirus ricevi pri studentaj astronomiaj rondetoj, ĉar la Moskva tre favore rilatas al Esperanto.

Ni petas sendi laŭ jena adreso: Moskvo, Bolŝaja Gruzinskaja 10, S-ro stud. Alekeeviĉ Flerovskij, sekretario de Moskva Studenta Grupo „Esperanto". Antaŭan dankon pro grava helpo!

*Moskva Studenta Grupo „Esperanto".*

P. S. Aliaj gazetoj estas petataj represi.

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Asselin,** el Tours.
**Bouche,** el Paris.
**Charles,** el Billancourt.
**Chappe,** el Paris.
**Devos,** el Le Mans.
**Feron,** el Boulogne-Billancourt.
**Fuhro,** el Levallois-Perret.
**de Gavardie,** el La Roche sur Yon.
**Guindeg,** el Coutances.
**Joffrin,** prezidanto de la Esp. Grupo de Charenton.
**Jullien,** el Nice.
**Leclancher,** fondinto de la Esp. Grupo de Calais.
**Morisse,** el Paris (Verda Stelo).
**Patin,** fondinta membro de la Esp. Grupo de Tours, Sekretario de la Esp. Centra-okcidenta franca Federacio, la sindonema Del. de UEA en Tours.
**Pélissier,** el Levallois.
**Periard,** vicprezidanto de la grupo de Auxerre.
**Sarrey,** Esperantisto el Auxerre.
**Seilhan,** el Bordeaux.
**Tabary,** el Beauvais.
**Trémolet,** el Paris.
**Van Hulle,** kunfondinto de „Suda Lumo", el Antverpeno, mortinta en Germanujo.

* * *

Krom tio mortis hejme la jenaj gesamideanoj, al kies familioj ni ankaŭ sendas la esprimon de nia plena simpatio.

**Sinjorino Bayol,** edzino de Kapitano Bayol, mortinta antaŭ kelka tempo sur la batalkampo.

**Edward Parker,** el Shipley, eks-sekretario de la Yorkŝira Esp. Federacio. S-ro Edw. Parker estis konata tre fervora samideano. Li laboris kelkan tempon ĉe la oficejo de B. E. A. kaj okupiĝis pri aranĝo de karavanoj al Dresden kaj Barcelona. Li estis nur 32-jara.

**Sinjorino Rosals,** edzino de S-ro Rosals, tenisto de Esp.-Oficejo en Barcelona, kaj mem fervora Esperantistino.

**Sinjorino A. Scarselli,** edzino de S-ro L. Scarselli, nia fervora Del. en Firenze.

**Sinjorino P. Ŝefer,** patrino de nia sindonema samideanino F-ino Ad. Ŝefer, el London.

# Esperantistaj militkaptitoj

*Kvina listo*

*Baur,* el Paris, en Stuttgart.
*Boulogne,* el Paris, en Rastatt.
*Brémond,* el La Ciotat, en Hammelburg.
*Descelers,* el St-Omer, en Torgau.
*Diriez,* el St-Denis, en Meschede (Westph.).
*Hamard,* el Le Mans, en Magdeburg.
*Hohmann, Hugo,* el Bremerhaven, en Selo Verĥovajsky posad, Velok uezd, Volodga gub.
*Joly,* el Paris, en Ohrdrüf.
*Le Dantec,* el Rouen, en Cassel.
*Lhuissier,* el Le Mans, en Ingolstadt.
*Pougnon,* el Le Mans, en Torgau.
*Ragon,* el Grasse, nun en Landshut.
*Sodiansky,* el Lwow, en Omsk (Siberio).
*Ternon,* el Paris, en Quedlinburg.
*Vasiljev, Leonid Dmitrijeviĉ,* antaŭa Del. en Petrograd, Lager Wegscheit b. Linz (Aŭstrio), Gruppe B, Intelligenzbaracke.
*Vizner,* el Mala Ĉerma, en Novo-Nikolajevsk (gub. Tomsk), Obskij prosp. 27.
*Zuber,* el Pré St-Gervais, en Königsbrücke.

* * *

S-ro *André-Raoul Chaigné,* filo de nia samideano, el St-André de Culzac, apud Bordeaux, 344a Reg. Inf., 19a komp., N-ro 245-O 18,009, malaperis la 20 aŭgusto, ĉe Lorraine (Faxe-Fonteny).

S-ro *Alois Kuŝiĉka,* el Plzen (Bohemujo), Landwehr Inf. Reg. 7a, 3a komp., malaperis la 15 septembro en Serbujo.

S-ro *Josef Mates,* el Neuhutten (Bohemujo), Feldwebel, Landsturm Reg. 7, 6a komp. malaperis dum decembro en Haliĉ (Galico).

S-ro *Fritz Ollhaber*, el Stettin, Inf. Reg. 49ª, komp. 11ª, malaperis la 2 novembro ĉe Soissons.

S-ro *Stanislas Slavik*, el Kolin (Bohemujo), kaporalo, Landsturm Reg. 7, 3ª komp., malaperis dum decembro apud Lodz.

Ĉiujn ajn informojn pri tiuj malaperintoj oni bonvolu komuniki al la C. O. de UEA.

* * *

Ni petas, ke oni bonvolu kompletigi tiujn listojn, sendante al ni la nomon kaj adreson de la militkaptitaj Esperantistoj, kies adreso estas konata.

# Al niaj legantoj

∴ *Ni dankas ĉiujn personojn, kiuj, malgraŭ la malfacilaj cirkonstancoj, bonvolis sendi al ni sian reabonon kaj tiamaniere efike helpis al la subtenado de nia gazeto, kiu povas ekzisti nur per sufiĉe granda nombro de fidelaj abonantoj. Tiuokaze multaj legantoj, el ĉiuj landoj, bonvolis esprimi sian ĝojon pri la reapero de nia gazeto kaj ĝia sintenado rilate al la nunaj okazantajoj. Ni dankas ilin pro la esprimado de tiuj sentoj, kiuj estas por ni valora instigo al plua agado.*

∴ *Ni rememorigas, ke mobilizataj personoj, ne povantaj nun pagi sian reabonon, estas petataj tion konigi al ni. Ili daŭrigos regule ricevi nian gazeton.*

∴ *Pro interrompo de la poŝtmandataj komunikoj, rusaj legantoj povas pagi reabonon (kaj ankaŭ kotizajojn al UEA) al S-ro S. Szabunievicz, Del. Moskvo, Krivokolennij per., dom. Sytov.*

∴ *Ĉar ekzistas nun poŝtmandata komuniko inter Hispanujo kaj Svisujo, niaj hispanaj abonantoj estas petataj pagi senpere, uzante la novan servon.*

∴ *Responde al diversaj demandoj ni informas niajn legantojn, ke tabelo de enhavo por la jaro 1914 estos eldonata fine de tiu ĉi jaro, kune kun la tabelo por 1915. Ambaŭ jarkolektoj (entute 25 numeroj) povos do esti kune bindataj.*

∴ *La traduko de ĉiuj artikoloj de* „Esperanto" *estas permesata, kondiĉe ke oni citu la devenon. Oni bonvolu sendi ekzempleron de ĉiu ĵurnalo enhavanta tradukon el nia gazeto.*

∴ *N-ro 173 (1) de* „Esperanto" *(januaro 1915) estas elĉerpita.* *ESPERANTO.*

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* Pl = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl. = *bildflanko.*

ABBEVILLE (Francujo, Somme). — S-ro Furcy Racine, 120, Bd. de la République, Pl.

LONDON (Anglujo). — S-ro W. Bradshaw, 8, Cavendish Buildings, Cavendish Square W, Pl, L, PM (uzataj kaj neuzataj, precipe grandkvante).

MOSKVO (Rusujo). — S-ro A. Prager, Poŝta kesto, PM, Pl, Fotografajoj.

ROTTERDAM (Nederlando). — S-ro A. C. Bakels, Goudsche Singel 139, PM, Pl, PK, L.

SKARA (Svedujo). — F-ino Ester Beckmann, L, PK.

SABADELL (Hispanujo). — S-ro Vallespinosa, Pl, L.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

GRAVA. — Oni petas debritaj, nederlandaj kaj francaj Delegitoj, ke ili informiĝu pri Belgaj malaperintinoj S-ino vidvino Thomas De Bruyne kaj du filinoj F-inoj Bertha kaj Rosa, ĉu ili ne troviĝas en la urbo. Skribu al S-ro Duviard, Del., 6, rue Molière, La Roche sur Yon (Vendée, Franc.).

KORESPONDADO. — Inĝ. Leopold Berger, Del. de UEA en Cuprija, Serbujo, sciigas siajn gekorespondantojn, ke estis al li tute neeble — pro gravaj cirkonstancoj antaŭ kaj dum la milito — respondi la korespondaĵon. Al la sendintoj de propagandiloj koran dankon, la ceterajn, kiuj nepre deziras respondon, li petas pri alsendo de ilia nuna adreso por ne skribi vane. Oni skribu aŭ rekte aŭ pere de UEA.

MAŜINTRIKILOJ. — S-ro Buret, Sainville (Eure-et-Loire, Franc.) dezirus negoci kun fabrikanto de maŝintrikiloj; sendi katalogon plej baldaŭ.

POR UNU PATRINO. — F-ino M. Péguriet, 23, rue Jeu de Mail, Cette (Franc.) petas ĉiujn samideanojn, havantajn ĉu amikon, ĉu fraton, filon aŭ edzon en Alzasa armeo, al ili sendi tiun anoncon. Ŝi pagos ĉiujn sendelspezojn al samideanoj, kiuj skribos al ŝi sciigojn pri morto aŭ militkaptado de ŝia kuzo Marcel Cayla (alpaj ĉasistoj, 24ª bat., 5ª komp.), kies patrino nenion scias de la 25 januaro.

SCIENCAJ VERKOJ. — *Eldonistoj!* Antaŭ ol presigi sciencajn verkojn (disertaciojn, katalogojn, lernolibrojn, vortaron, enciklopediojn, revuojn, ktp.) en ia lingvo eŭropa aŭ orienta (araba, turka, persa, malaja, javana, ĥina, japana, ktp.), aŭ klasika (latina, greka, hebrea, sanskrita, siria, kopta, armena, ktp.), petu provojn kaj prezojn al la fame konata *Orienta Presejo*, Oude Rijn 33, *Leiden* (Nederlando).




**Regiona DELEGITO Universala Esperanto-Asocio**

Tiu ŝildo (kliŝaĵon oni vidu ĉi supre) mezuras 29×19 cm. Ĝi estas el bona lado, kun blanka fono kaj verdaj literoj. Ĝi estas speciale taŭga por alfiksi kontraŭ domopordoj, en magazenoj, oficejoj, kontoroj, k. a.

La ŝildo estas luata al ĉiu Delegito po **2 Frankoj** (kun alsendo rekomendite). La luado daŭras la tutan tempon dum kiu Delegito okupas sian postenon. Kiam li ĉesas esti Delegito, li devas resendi la ŝildon al la C. O. de UEA.

Mendo de ŝildo signifas akcepton de tiuj kondiĉoj.

Oni sendu ĉiujn mendojn kun mono al: *Universala Esperantia Librejo*, 10, rue de la Bourse, Genève (Svis.).

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO